

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
KONGRESA NUMERO Jaro 4 N-ro 3 (14) septembro de 2005

## NOVAĴO

### La 2-a kunveno luminta en Vilno

Vendrede, la 29-an de julio, je la 14-a en la salono Grabowski de la kongresejo de la 90-a UK en Vilno, la 2-a kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" oficiale okazis sub prezido de la estrarano de UEA pri landa agado, s-ino Maritza Gutierrez. Ĝin ĉeestis proksimume 70 homoj. S-ino Maritza Gutierrez unue laŭtlegis Jaran Raporton de la projekto en 2004 senditan de la komisiito, s-ro Wu Guojiang el Ĉinio. La raporto enhavis detalojn pri la agado en la jaro 2004, atingoj, problemoj kaj perspektivoj, nome laborplano 2005. Sekvis prezento surekrane pri la imitinda agado farata de la Interkultura Centro de Herzberg en Germanio, kiu tre sukcese entreprenis projekton modelan por komuna Eŭropo inter la urboj Herzberg kaj Góra en Pollando. Germana paro kiu gvidas la projekton tre detale raportis pri la ekesto kaj efektivigo de la komuna projekto kiu iris tra la urbaj institucioj de ambaŭ regionoj. Oni emfazis la interkulturan flankon de tiu ĉi agado, kiu pozitive efikis al la du urboj. La raporto vekis intereson de la partoprenantoj kaj laŭdojn al la iniciato de la germana centro.

Post tio s-ro Robert Bogenschneider prezentis la retprojekton "aliaflanko", kies ttt-ejo www.aliaflanko.de sukcese interligas informojn i.a. rilate al lokoj en la mondo kaj eble trovas Esperanto-grupojn en ĝemelaj urboj.

La kongresanoj ankaŭ havis la okazon interŝanĝi informojn pri aliaj agadoj, interalie, pri rusa kaj franca urboj . Eŭropanoj ankaŭ parolis pri similcelaj projektoj kiel Exchange iniciatita de s-ro Michael Cwik, kiu laboras en Eŭropa Unio en Belgio.

Nemalmultaj ĉeestintoj dum la UK starigis demandojn kaj kelkaj intencas serĉi esperantistojn en la propraj ĝemelurboj, almenaŭ por internaciaj esperantistaj kontaktoj. Estas la intenco, ke ekzemple urbaj dungitoj, instruistoj, kuracistoj, sportkluboj uzu Esperanton.

Fine de la kunsido oni instigis al daŭra laboro sur tiu agadkampo, aliĝo al diversaj listoj pri lokaj kluboj kaj kunlaboro pri la temo, kaj subtene al la komisiito, kies diligenta laboro antaŭenigas tiun ĉi gravan agadkampon por UEA tiel ke ĝi estas plia maniero pruvi la potencialojn de esperanto cele al malfermiteco kaj interkultura evoluo interpopola.

La salono estis plenplena, kun homoj starantaj en pluraj anguloj de ĝi. Ĉi kunvenon ĉeestis s-ro Renato Corsetti, prezidanto de UEA krom Maritza Gutierrez el la estraro. S-ro Osmo Buller en la okupiteco ne povis trovi tempon partopreni en ĝi. Kompreneble la komsiito ankaŭ ne aperis en ĝi pro objektiva kialo. (laŭ raportoj de Renato Corsetti, Maritza Gutierrez kaj Peter Zilvar)

### Florado kaj rikoltado nur post diligenta kultivado

De la 1-a kunveno en la Pekina UK al la 2-a kunveno en la Vilna UK, jam montriĝis, ke la projekto "Ĝemelaj Urboj" pli kaj pli profundiĝas en la korojn de l' popolo, kaj iugrade ĝi ekfloras, eĉ ekfruktas. Mi vere sentas, ke veraj herooj estas nur la vastaj esperantistoj, kiuj per praktika agado flegas kaj kultivas ĉi kampon. Estas ili kiuj igas ĉi laboron de UEA disvolviĝi en ordo.

Estas ili kiuj plibriligas ĉi laboron de UEA. Mi kore gratulas al la sukcesintoj, samtempe mi ankaŭ alte taksas tiujn samideanojn kiuj estas silente kaj diligente laborantaj por nia projekto malgraŭ ke ili ne havas la nomatajn atingojn, ĉar la venonta sukceso komencas nur de la hodiaŭa penado, do mi diris, la hodiaŭa penado ja estas atingoj, ĉu ne ?

La 2-a kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" estas sukcesa, kaj estas fruktdona, ni serioze resumos spertojn kaj aktive kompletigos la laboron de la projekto. Ni kredas ke UEA ludos pligrandan rolon por akceli la agadon de interurba ĝemeliĝo en la mondo.— Wu Guojiang

**La projekto postulas tempon kaj intereson**

Ĝemelurbajn agadojn UEA volas aktivigi. Laŭ la sperto mi povas diri ke ankaŭ ĝi postulas tempon kaj intereson por prizorgi la kontaktojn inter esperantistoj en ĝemelurboj.

Vojaĝeblecoj estas nuntempe pli facilaj ol antaŭ 20 jaroj, sed en la 2000-aj jaroj esperantistoj ne plu multe vojaĝis kaj sekvas esperantista generacio estas malplimulta.

Sed ĉiuokaze pluraj tampereanoj partoprenis la finnan buskaravanon al Vilno kaj tri aviadilis. Al Aŭtunaj Tagoj al Svedio aliĝis ankaŭ kelkaj. Aktivistoj ekzistis.

La prizorganto de eksterlandaj kontaktoj Pertti Paltila de Tampere bone scias niajn kontaktojn kaj li havas nun propran sekretariinon por helpi lin. Sed lia ĉefa objekto por la laboro estas plibonigi eknomiajn kontaktojn kaj kampanjojn de tempereaj entreprenoj.

La urbo rekomendas societojn serĉi kontaktojn mem, ekz. inviti al Tempere aŭ viziti iun ĝemelurbon, kaj se la urbo povas aprobi la kontakton aŭ okazon ĝi eble subvencias parton de la kostoj. Korusoj kaj junulaj grupoj kelkfoje vizitas. Esperantistoj ne havas tiajn artistojn aŭ junulajn grupojn. (Veli Hamalainen el Finlando)

**Soile Lingman pri ĝemelaj urboj**

S-ino Soile Lingman en Svedio aktivas en la Esperanto-movado kiel delegito de UEA en Stockholm kaj prezidantino de la Asocio de Sociallaboristoj Esperantistaj (ASLE). Ĉi jare ŝi havas 50-jaran esperantistecon. Ŝi opiniis, ke ĝemelaj urboj estas interesa ideo, sed ŝi trovis, ke estas malfacile agi por la afero kiam oni loĝas en ĉefurbo kiu estas tro granda areo. Ŝi partoprenis en multaj UK-oj inkluzive de la 90-a UK. (Laŭ intervjuo farita de Veli Hamalainen, redaktoro de la la finna esperantgazeto "Vekilo")

**Ideo de urbestro**

Ankaŭ dum la pasintjara UK en Pekino urbestro de Vilnius Arturas Zuokas ĵetis ideon sendi leterojn/invitojn al urbestroj de diversaj landoj por instigi pli multajn esperantistojn de tiuj urboj kaj landoj veni al jubilea UK en Vilnius. Tiu propono validas. Vilniusa urbestro pretas sendi tiajn leterojn al ali-landaj urbestroj, peti ilin helpi al lokaj esperantistoj aranĝi vojaĝojn al Vilnius, instigi pli abundan partoprenon en jubilea UK.

Kompreneble, tio, plej verŝajne, havas sencon nur por tiuj urboj, kie urbaj administracioj havas iajn kontaktojn kun lokaj Esperanto-organizaĵoj kaj individuoj, kie jam oni scias pri ekzisto de esperantistoj kaj ilia agado.

Do, se estas tiaj eblecoj en viaj urboj, bonvolu informi Litovan Esperanto-Asocio pri deziro, ke via urbestro ricevu tian leteron-inviton, kaj ni aranĝos la aferon kun urba administracio de Vilnius. Ĉiukaze dezirinde havi pli multe da informoj pri viaj kontaktoj kun koncerna urb-estraro, agado k.s. (Povilas Jegorovas el Litova Esperanto-asocio)

**Reago de la komisiito al ideo de urbestro**

Mi kore subtenas la ideon de la urbestro de Vinius. Estas pli bone se la urbestro unue povus inviti la ĝemelajn urbojn de Vilnius. Krome estas pli bone se la 90-a UK aranĝos la renkontiĝon de la urbestroj de landoj.

Mi kore esperas kaj varme bonvenigas la prelegon de la urbestroj en la 2-a kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj". Tio probable riĉigos kaj konkretigos la projekton.

Mi esperas, ke niaj samideanoj diskonigu la informon al via loka registaro, kaj profitos ĉi tion por Esperanto.

**Disaŭdigo de ĈRI pri la 2-a kunveno**

Antaŭ okazo de la 2-a kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj", Ĉina Radio Internacia (ĈRI) disaŭdigis la antaŭparolon de la redaktoro por n-ro 12 kaj n-ro 13 Informilo de Ĝemelaj Urboj, kiu rilatis al la kunveno. Jen estas ĝia tuto:

"Estimataj, en la jaro 2004 vi subtenis kaj partoprenis la projekton "Ĝemelaj Urboj" per diversaj metodoj kaj dank' al tio ĝi progresiĝis kaj plilumis. Viaj meritoj estis enskribitaj en Jaran raporton de La projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2004 aŭ raportitaj en la revueto "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Kiel vi bone scias, ke ekde la naskiĝo de la projekto UEA serioze atentas ĝin, treege prizorgas ĝian evoluon kaj progreson. En la ĉi-jara Estrara Kunsido estis farita decido pri okazo de la 2-a kunveno de pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" dum la 90-a UK.

Ĉi tie mi speciale invitas vin al la kunveno se vi povas partopreni en la 90-a UK, kaj esperas, ke vi povos fari prian paroladon se vi havos tempon. Mi pensas, ke via ĉeesto certe riĉigos la kunvenon kaj estigos kontentigan frukton de la kunveno."

La supra enhavo ankaŭ estas legebla en la retejo de ĈRI :http://cn.chinabroadcast.cn

**La Projekto en gazeto**

1. La laboron de la projekto "Ĝemelaj Urboj" menciis Estrara Raporto de UEA 2004 aperinta en n-ro 6 Esperanto, 2005.
2. s-ino Maritza Gutierrez, estrarano de UEA pri landa agado, raportis la 2-an kunvenon en n-ro 7 Kuriero, kongresa informilo de la 90-a UK.
3. La 2-an kunvenon rakontis la rubriko "Ĝemelaj Urboj" de n-ro 2 Vekilo, 2005, Klubgazeto de esperantistoj en Tampere regiono, Finnlando.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Jara Raporto de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2004**

Retrorigardante la disvolviĝon de la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA en la pasintaj du jaroj ekde ĝia naskiĝo, ni esperantistoj sendube konfesis ĝian ekziston kaj valoron. En la jaro 2004 sub la kun-klopodado de la eks-funkciuloj de la projekto kaj la vastaj esperantistoj la projekto atingis senprecedencan ĝojigan progreson.

1. Funkciuloj de la projekto

Kun apero de la nova estraro de UEA en la 89-a UK, kvar funkciuloj de la projekto ŝanĝiĝis. Ili renove konsistas el la novaj prezidanto, estrarano pri landa kaj regiona agado, ĝenerala direktoro de CO kaj la komisiito, t.e. Renato Corsetti, Maritza Gutierrez Gonzalez, Osmo Buller kaj Wu Guojiang. La du eks-funkciuloj s-ro Trevor Steele (Aŭstralio), s-ino Michela Lipari (Italio) efike gvidis kaj partoprenis la laboron de la projekto kaj grave kontribuis al la stabila disvolviĝo de la

projekto. Ĉi tie ni alte taksas iliajn farojn kaj esperas la daŭran subtenon el ili ambaŭ.

2. Laborplano de la projekto

2.1 Reago

En 2004 la projekto entute ricevis reagojn de 119 esperantistoj el 35 landoj. 161 urboj aperis en la ricevitaj mesaĝoj. La komisiito regule ricevis kelkajn lokajn eldonaĵojn, ili estis "Vekilo" (Finnlando), "Bazaro" (Rumanio), "Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio" (Ĉinio), "La Verda Spiko" (Ĉinio), "Esperanto en Azio" (bulteno de KAEM), kaj ĝustatempe legis retajn publikaĵojn, ekz. Informletero de Vinilkosomo, Verda Informo (Germanio), Heroldo de Esperanto (Svislando), Bulteno de la Albana Esperanto-Instituto (Albanio) ktp. 13 gazetoj kaj 10 ttt-paĝoj raportis la agadojn de la projekto.

2.2 Atingoj

Dum la 89-a UK sukcese okazis la unua kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj", kiun ĉeestis pli ol 30 kongresanoj el 10 landoj, inkluzive de prezidanto de KEAM kaj prezidantino de Ĉinaj Esperanto-Ligo. La priaj raportoj en la kongresa kuriero estis la plej multaj en la raportoj de ĉiu programo.

La projekto estis enskribita en la laborplanon de UEA por 2003-2005. KAEM prenis ĝin kiel unu el al projektoj de KAEM realigi la celojn de la proponita laborplano de KEAM por 2004-2010.

Oni klare konsciis gravecon de Esperanto al ĝemeliĝ-agado kaj gravecon de ĝemeliĝ-agado al Esperanto. Tion plie demonstris kelkaj vizitoj okazitaj en la pasinta jaro. En januaro por reagi al la invito de la 4-a komuna Kongreso de la Aŭstralia kaj Nov-Zelanda Esperanto-Asocioj s-ino Tomiko IKEDA el Onoda en Japanio esperantistigis tieajn kvar junulinojn en la mallonga periodo kaj sukcesigis ilian viziton al la kongresejo, Redcliffe, la aŭstralia ĝemelurbo de Onoda. En aŭgusto s-ro Kelly Londoni el Zimbabvo realigis sian viziton al la germana ĝemelurbo Berlino kaj tie faris prelegon pri la Esperanto Movado en Zimbabvo. Per tio la berlinaj esperantistoj povis ĝui kaj senti stilon kaj trajton de Zimbabvo. S-ro Pieter Engwirda el Nederlando partoprenis la konferencon pri ĝemelaj urboj inter Ĉeĥio kaj Nederlando okazita inter la 1-a kaj 2-a de septembro en Prago kaj ĉeestis diskuton pri la lingva problemo. S-ro Yas Kawamura el Japanio nun laboras kiel ĝenerala direktoro de EPA kaj redaktoro de la gazeto "Nova Vojo". Inter la 26-a de septembro kaj la 1-a de oktobro li kiel ano de la delegacio gividita de la urbestro Kameoka ĉeestis la celebradon de la 40 a jubileo de ĝemeliĝo inter Knittelfeld (Aŭstrio) kaj KAMEOKA. Li ne sole vizitis ĝemeliĝan memorŝtonon sur la Kameoka-strato aldonitan de s-ro Schafarik, nuna urbestro de Knittelfeld krom la rilatajn aktivecojn, sed ankaŭ helpe de la aŭstraj esperantistoj trovis karan dokumenton kaj ne tre konatan, t.e. la ĝemeliĝa atestilo de la du urboj skribita en tri lingvoj Germana, Japana kaj Esperanto. Tio estis grava trovo kaj signifo por montri la rolon de Esperanto en urbo-ĝemeliĝo! Nun tiu atestilo (kopio) estas konservata en Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno. Kio enhavis plian signifon estis, ke la publikita deklaracio kune subskribita de la du urbestroj s-ro Kurijama Masataka kaj s-ro Schafarik por la 40-jariĝa festo same havis admiratan faron kiel tiun antaŭ 40 jaroj: La teksto de la deklaracio estas skribita en tri lingvoj: Japana , Esperanto kaj Germana, Esperanto estas inter la aliaj du lingvo. S-ro Chimedtseren Enkhee el Mongolio en la pasinta oktobro publikigis proponon ĝemeligi universitatojn kaj kolegiojn kaj ricevis aktivan reagon de Pollando. Tio riĉigis la projekton.

Ankaŭ indas mencii, ke s-ro Hans Fechler el Germanio sukcesigis aperon de la 78-paĝa PONTOJ 7, speciala gazeto pri ĝemelurboj de Hildesheim, kiu ricevis altan takson de la urbestro

kaj la urbdirektoro, kaj la estroj de UEA.

En 2004 entute estis redaktitaj kvar numeroj de Informilo de Ĝemelaj Urboj kaj unu el ili malfrue aperis en 2005 pro la okupiteco de la redaktoro. La komsiito faris kontentigajn respondojn al la reagoj de la esperantistoj al la projekto.

3. Anonco pri s-ro Stanley Nisbet kaj s-ro Gerrit J. Brons

En 2004 la projekto kaj la revueto "Informilo de Ĝemelaj Urboj" perdis du entuziasmajn subtenantojn kaj legantojn. Ili estis s-ro Stanley Nisbet el Glasgow en Britio kaj s-ro Gerrit J. Brons el Maassluis en Nederlando. Danke al substreko de du samideanoj al la projekto, iliaj familianoj ĝustatempe informis tion al la komisiito post kiam ili dise forpasis. Iliaj nomoj eterne estos en la kroniko de la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA.

4. La ekzistantaj problemoj

4.1 Propagando

Pere de la kun-klopodado de la esperantistoj kaj diversaj E-organizaĵoj, kaj la efika akcelo kaj instigo de UEA la projekto estis pli kaj pli konata en Esperantujo, sed ni ne neas, ke la propagando de la projekto bezonas plian fortigon, precipe en ekster-komunikado kun la internaciaj neesperantaj organizaĵoj. Ĝis nun ni ankaŭ ne havis tian suksesan ekzemplon, ke helpe de la projekto UEA starigis rilaton kun tiuj organizaĵoj . Ne erare la projekto nur estas parto, aŭ tre malgranda parto, de la konkretaj agadoj de laborplano de UEA por 2001-2010, sed ĝi estos efika vojo igi UEA fariĝi aktiva kaj nemankebla forto en internaciaj aferoj se ni tutkore antaŭpuŝas ĝin malgraŭ kiom da malfacilaĵo ni alfrontas.

4.2 Speciala diskuto

Nun la gvid-ideo kaj priaj laboroj de la projekto ĉiam estas kunordigita de kvar funkciuloj de UEA. Ni esperantistoj interesiĝaj pri la projekto neniam renkontiĝis kaj sidiĝis por serioze kaj detale diskuti pri la laborplano kaj disvolviĝo de la projekto kvankam ni fukciigis ĝin tri jarojn kaj spertis la unuan kunvenon pri ĝemelaj urboj en la lasta jaro dum la 89-a UK. La vid-al-vida interŝanĝo utilas al la progreso de la projekto, kaj al la fina decido pri ĝia pli-longa celo.

4.3 ideoj neefektivigitaj

En 2004 mi havis kelkajn programojn konsideritajn, kiujn menciis en Jara Raporto de La Projekto "Ĝemelaj Urboj" por 2003, sed tri el ili ne estis efektigitaj pro multaj kialoj.

(a) instigi esperantistojn traduki la koncizan laborplanon de la projekto en diversajn lingvojn;
(b) fari enketon por riĉigi la informo-stokon;
(c) adresi publikan leteron al la urboestroj en la mondo.

5. Cerbumo al la laboro de 2005

5.1 Proponoj pri UK al UEA

El la projekto "Ĝemelaj Urboj" mi havas jenajn proponojn pri UK al UEA.

(a) UEA Instigu kaj subtenu la urbon en kiu okazos UK inviti ĝiaj ĝemelurbajn estrojn kaj esperantistojn al UK, kaj organizi ekspozicion pri ĝiaj ĝemelurboj dum UK. Per tio montriĝas, ke la rolo de Esperanto estas evidenta en social efiko.
(b) UEA speciale invitas la urbestrojn, kies urboj estis kongresejoj de UK, al ĉiujara UK. Tiel la estroj sentas, ke UEA ne forgesis la kontribuojn de tiuj urboj al Esperanto, kaj ke UEA vere estas internacia organizaĵo plena de amikeco, paco kaj harmonio.
(c) Surbaze de (a) kaj (b) kaj enkadre de la projekto UEA aranĝu la renkongtiĝon de la urbestroj partoprenantaj UK krom intervidiĝo kun la estroj de la kongresa urbo. Tiel la urbestroj sentas, ke Esperanto kaj UEA ja ludas rolon en internacia interŝanĝo.

5.2 Laboroj en 2005

(a) konsideri okazon de la 2-a kunveno pri ĝemelaj urboj dum la 90-a UK kaj akceli ĝian realigon;
(b) pene realigi la ideojn ne-atingigitajn en 2004, vidu 4.3
(c) garantii la redakton kaj dissendon de Informilo de Ĝemelaj Urboj.
(d) teni intimajn kontaktojn kun la partoprenantoj de la projekto kaj aktive kaj efike servi al ili.

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

**La konsento ekfruktas**

En la 2-a kunveno s-ino Zsofia Korody kaj Peter Zilvar el Germana Esperato-Centro (ICH en Herzberg) prezentis per ampleksa "power-point-prezentado" la unikan projekton inter la ĝemelurboj Herzberg am Harz kaj Góra en Pollando. En tiu prezento ili substrekis kelkajn flankojn.

Unue dum marto 2005 la urbestroj de ambaŭ urboj interkonsentis projekton uzi Esperanton kiel neŭtralan pontlingvon por plibonigi la kontaktojn inter la enloĝantoj de ambaŭ urboj. Estas la intenco, ke ekzemple urbaj dungitoj, instruistoj, kuracistoj, sportkluboj uzu Esperanton.

Due la E-klubo en Góra en junio 2005 jam ricevis Esperanto-domon. Okazos regulaj kursoj en la loka gazeto, ktp.

Trie dum du semajnoj dum julio 2005 sep polaj intruistinoj estis trejnataj ĉe ICH/GEC en Herzberg. Hans Fechler el Hildesheim partoprenis la adiaŭan vesperon en Herzberg Restos konstantaj kontaktoj por la vasta E-instruado en ambau urboj dum la venontaj jaroj.

Kvare problemo estas nur ankoraŭ la financado de tiu ĉi unika modelprojekto (pilotprojekto) por la nova samrajta Europo. (laŭ la raporto de Peter Zilvar, la titolon aldonis de la redaktoro)

## SERVA PLATFORMO

Mi kore dankas la ĉeestintojn de la 2-a kunveno pro ilia takso al mia laboro, kaj mi tre ĝoje informiĝis, ke ne malmultaj ĉeestintoj dum la 90-a UK starigis demandojn kaj kelkaj intencis serĉi esperantistojn en la propraj ĝemelurboj por internaciaj esperantistaj kontaktoj. Por faciligi interŝanĝon kaj vastigi nian komunon, mi proponas, ke ĉiu sufiĉe utilu nian retan revueton "Informilo de Ĝemelaj Urboj" kaj la liston de UEA <lokaj-esperanto-grupoj@yahoogroups.com>, interŝanĝejo de spertoj pri loka agado, inkluzive de ĝemelurba agado. Krome ni estas konstruantaj informo-stokon pri ĝemelaj urboj, vi donas al ni vian bazan informon ekz. lando-nomo, urbonomo, ĝemelaj urboj (se vi scias) kaj kontaktmanierojn se vi unuafoje kontaktas nin.

Konsiderante, ke nemalmutaj personoj ankoraŭ ne scias la ekziston de la supre menciita listo aŭ kiel aliĝi al ĝi, mi necese prezentas ĝin. Vi unue enmetas ĉi retadreson <lokaj-esperanto-grupoj-subscribe@yahoogroups.com> en la ricevanto de via nova postaĵo sendota, poste sendu ĝin sen ajn enhavo. Vi jam sukcese aliĝas al ĉi liston se vi ricevas la konfirman respondon el la administranto de la listo. Krome vi eble registras viajn grupojn ĉe:

**http://EsperantoLand.org/grupoj** kaj www.aliaflanko.de kie troviĝas informoj pri grupoj kaj ĝemelurboj.

Unuvorte: ni havas firman volon kaj fidon progresigi la projekton kaj plibone servi al ĉiu, ni atendas vian partoprenon.

*************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"

